'aro VI * N.° 72ª

Decembro * 1909

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

**Augusto Jimenez Loira**

PINTOR LÓPEZ, 3 = VALENCIA

! a Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos



## 2-15 Decembro 1859-1909

Okaze kvin- kjara datreve- de la naskiĝo nia kara majs- *Doktoro Lu- viko Lazaro amenhof*, kies portreton ni apude publikigas, La Suno Hispana leziras al li plej feliĉan tagon kaj plej longedaŭra vivadon.



Con motivo del quincuagésimo aniversario del nacimiento de nuestro querido maestro el *Doctor Luis Lázaro Zamenhof*, cuyo retrato publicamos al lado, La Suno Hispana le desea feliz día y larga vida.

## ŜAKLUDANTOJ!!!

Ĉiuj ŝakludantoj estas petataj sendi *plej baldaŭ* iliajn adresojn kaj tiujn de aliaj ŝak-istoj de ili konataj, al nia Redakcio, ĉar de la venonta numero (Januaro 1910) La Suno Hispana enhavos *ŝakrubrikon* por restarigo de *Tutmonda Ŝaksocieto*, kaj pri ŝakaj aferoj.

**ANĜELINO**



**San Torcuato, 30,**
**Zamora (Hispanujo)**

FRAŬLINOJ FRATINOJ
CALVO DE LA TORRE

**KAROLINO**



# Kroniko

Laŭ lasta statistiko, en la ĵus pasinta Junia monato ekzistis en Eŭropo 1.162 esperantistaj Societoj, 17 en Afriko, 276 en Ameriko, kaj 20 en Oceanio.

«Universala Esperanta Asocio», pri kiu tiel bone parolis D-ro Zamenhof en la V<sup>a</sup> Kongreso, incitas publikigi al siaj filioj utilajn informojn pri hoteloj monumentoj, promenejoj, kuriozaĵoj, k. t. p. el ĉiu loko.

En **Anglujo** la malnovaj grupoj ne ĉesigas sian propagandon, kaj novajn grupojn oni starigis en Leocu'o, Mansfield'o, Winbledon'o, Derby'o kaj Sunderland'o.

La grava firmo Selfridge kaj K° el London'o intencas malfermi esperantan kurson por ĝiaj 2.000 gekomizoj. Ĝi or-

# Crónica

Según la última estadística, en el próximo pasado mes de Junio había en Europa 1.162 sociedades esperantistas, 17 en Africa, 276 en América y 20 en Oceanía.

«La Asociación Universal de Esperanto», respecto á la que tan bien habló el Dr. Zamenhof en el 5.° Congreso, hace publicar á sus sucursales útiles informes respecto á hoteles, monumentos, paseos, curiosidades, etc., de cada localidad.

En **Inglaterra** los grupos antiguos no cesan su propaganda y se han instalado nuevos grupos en Leocu, Mansfield, Winbledon, Derby y Sunderland.

La importante casa comercial Selfridge y C.ª, de Londres, intenta abrir un curso de esperanto para sus 2.000 empleados

ganizis esperantaĵajn montrafenestrojn kaj interpretistinajn deĵorojn.

Alvenis nin gazeto «La Londona Gazeto» oficiala organo de la Federacio de la Londonaj grupoj esperantistoj. Ni ĝin salutas kore kaj de nun sendos al ĝi nian humilan publikigaĵon.

La Melburna Klubo (**Australio**), ĉiam ion faras por propagandi nian lingvon.

En Sidney'o kaj en East Mailand'o, oni faras kursojn.

En **Austrujo** «La Ligo de Germanlingvuloj» projektas, ke la Universala Kongreso de esperanto por 1912[a] okazu en Zagreb'o (Kroacia).

En Jerusalemo (**Azia-Turkujo**) estas esperantistoj en la Preĝejo de la Sankta Tombo, en tiu de «Notre Dame» de Francujo, en la hotelo St. Paulus Hospize, en komerco de S-ro Rol Eilender, en lernejoj de S-ino Eveleno Rothschild, kaj en tiu de S-ro Uadia en Belehemo.

Pastro S-ro Jachini, Prezidanto de unu el la grupoj, loĝas en la monaĥejo de la Sankta Tombo.

Estis grandega la sukceso de la nuna belga esperantista Kongreso en **Belgujo** kaj ĝia konsekvenco estas la esperantemeco en tiu lando.

«Centra Esperantista Belga Oficejo» eldonos adresaron de belgaj esperantistoj.

Oni observas katolikan esperantistan movadon, en tiu lando, ĉar grupojn de junaj katolikoj oni fondis en Bruselo, Melle'o, St. Trond'o, Malino kaj Lieĝo.

En Antverpeno oni malfermis ok kursojn kaj oni starigis novan grupon, hebrea.

Tie, kaj en Borgerhont'o, Bruĝo, Carleroi'o, Dendermonde'o, Lieĝo, Wittebroek'o kaj aliaj vilaĝoj oni donas senĉesajn pruvojn pri tio ke tie estas agemaj esperantistoj.

La blinda esperantisto, fama komponisto el Plzeň'o (**Bohemujo**) S-ro Estanislao Suda verkis belan kanton, muziko kaj verso, dediĉita al unua Kongreso de

de ambos sexos. Ha organizado un escaparate con cosas de esperanto y un servicio de mujeres intérpretes.

Ha llegado á nosotros «La Londona Gazeto», órgano oficial de la federación de los grupos esperantistas londonenses. La saludamos cariñosamente y desde ahora le enviaremos nuestra humilde publicación.

El Club de Melburne (**Australia**), siempre hace algo para propagar nuestro idioma.

En Sidney y en East Mailand se dan cursos.

En **Austria**, la «Liga de los de lengua alemana» proyectan que el Congreso universal de esperanto para 1912 tenga lugar en Zagreb (Croacia).

En Jerusalén (**Turquía asiática**) hay esperantistas en la iglesia del Santo Sepulcro, en la de Nuestra Señora de Francia, en el hotel St. Paulus Hospize, en el comercio del Sr. Rol Eilender, en las escuelas de la Sra. Evelina Rothschild y en la del Sr Uadia en Belén.

El sacerdote Sr. Jachini, presidente de uno de los grupos, habita en el monasterio del Santo Sepulcro.

Ha sido grandísimo el éxito del actual Congreso esperantista belga en Bélgica y su consecuencia es la afición al esperanto en aquel país.

«La oficina del Centro esperantista belga» editará una lista de esperantistas belgas.

Se observa un movimiento católico esperantista en aquel país, porque se han formado grupos de jóvenes católicos en Bruselas, Melle, St. Trond, Malinas y Lieja.

En Hamberes se han empezado ocho cursos y se ha establecido un nuevo grupo, hebreo.

Allí y en Borgerhont, Bruĝo, Charleroi, Dendermonde, Lieĝo, Willebroek y otras poblaciones, se dan incesantes pruebas de que hay activos esperantistas.

El ciego esperantista, famoso compositor de Plzeň (**Bohemia**), Sr. Estanislao Suda, ha compuesto un bello canto, música y verso, dedicado al primer

bohemaj esperantistoj en Praha. Gi estas koninda kaj oni ĝin vendas kaj informas pri ĝi en la Esperantista Klubo de Plzeň.

En Macelo, Alagoas'o (**Brazilujo**) estis fondata grupo sub la nomo «Alagoas Esperanto Klubo».

La Santiaga presaro laŭdas esperanton kaj la tieaj esperantistoj, kaj tiuj de Valparaíso, Ikike'o kaj aliaj urboj el **Ĉilujo**, ne ĉesas labori por ĝin propagandi.

La gazetaro el **Danujo** bone rilatas pri esperanto, kvankam kelkaj gazetoj enpresas pri ĝi bedaŭrindajn erarojn, tial ke ili ne sufiĉe konas nian lingvon.

Pri **Francujo** ĉiam estas multaj kaj bonaj sciigoj.

En Parizo fondiĝis «Katolika Esperanta Grupo».

Lia moŝto S-ro Amette, tiea ĉefepiskopo, okaze vizito, kiun al li faris redak toro de «Espero Katolika», diris, ke nia lingvo multe povas utili por la unueco de la katolikoj kaj por la disvastiĝo de la vero, kaj ke se la lasta «Katolika Kongreso» de Kolu estus havinta komunan lingvon, la interkompreniĝo estus estinta multe pli facila.

S-ro Beck, Sekretario de l'esperantista Federacio de Centraokeidenta Franclando proponas, ke ĉiu esperantista Societo festu solene la 50an datrevenon de la naskiĝtago de nia glora majstro.

En Havre okazis la dua Kongreso de esperantistaj grupoj de Normandio kun granda sukceso kaj gravaj konvenaj decidoj por la disvastiĝo de Esperanto en tiu lando.

Novaj grupoj en Brienne'o, Le Chato', Hening'o, Lietard'o Meru'o, Duclair'o, Louvemont'o kaj Profesia Lernejo de Rouen'o.

La gazetoj «Le Petit Journal, Le Petit Parisien» kaj aliaj, tiel gravaj kiel tiuj, bone raportadas pri esperanto.

«Juneco» estas la nomo de gazeto, oficiala organo de la franca federacio de la junaj esperantistoj. Tutkore ni salutas

Congreso de bohemios esperantistas en Praha. Es digna de conocerse y se vende é informan respecto á ella en el Club Esperantista de Plzeň.

En Macelo, Alagoas (**Brasil**), se ha fundado un grupo con el nombre de «Alagoas Esperanto Klubo».

La prensa de Santiago alaba al esperanto y los esperantistas de allí, y los de Valparaíso, Iquique y otras ciudades de **Chile**, no cesan de trabajar para propagarlo.

La prensa de **Dinamarca** se refiere favorablemente al esperanto, aunque algunos periódicos estampan respecto á él lamentables errores, porque no conocen suficientemente nuestra lengua.

Respecto á **Francia** siempre hay muchas y buenas noticias.

En París se ha fundado un «Grupo católico de Esperanto».

El Illmo. Sr. Amette, Arzobispo de allí, con motivo de visita que le hizo un redactor de «Espero Katolika», dijo que nuestra lengua puede ser muy útil para la unidad de los católicos y para la difusión de la verdad, y que si el último Congreso católico de Kolu hubiera tenido una lengua común, la mútua inteligencia hubiera sido mucho más fácil.

El Sr. Beck, Secretario de la Federación esperantista del Centro occidente de Francia, propone que cada Sociedad esperantista festeje solemnemente el 50 aniversario del nacimiento de nuestro glorioso maestro.

En el Havre ha tenido lugar el segundo Congreso de los grupos esperantistas de Normandía con gran éxito é importantes decisiones convenientes á la difusión del esperanto en aquel país.

Nuevos grupos en Brienne, Le Chateaux, Hening, Lietard, Meru, Duclair, Louvemont y Escuela Profesional de Bonen.

Los periódicos «Le Petit Journal», «Le Petit Parisien» y otros tan importantes como esos vienen haciendo buenas referencias del esperanto.

«Juneco» es el nombre de un periódico, órgano oficial de la federación francesa de los jóvenes esperantistas. De

la novan kolegon, kies gravegan rolon en esperantujo neniu povas nei. Pro tio mem ni deziras, ke li skribu de nun tu pli pura esperanto, ĉar tiu de la unua numero iom deflankiĝas el tiu de nia kara Zamenhofa lingvo.

En Trojes'o fondiĝis Federacio de la grupoj de Aŭbe'a departemento.

La lasta Internacia Kongreso de Metioj Federacioj akceptis esperanton, kiel lingvon por interkomunikado.

Nia estimata kolego «Juna Esperantisto» komencis en ĝia Septembra numero publikigi la famkonatan verkon el Fenelon «Aventuroj de Telemako» kiun parte tradukis nia neforgesebla mortinta amiko S-ro Valliene.

La Nacia Kongreso de la barbiraj sindikaroj decidis, ke en la Sindikatoj oni lernu kaj praktiku la esperantan lingvon.

«Internacia Ligo de la Esperantista Preslaboristaro» jam funkciadas. Ĝia centra sidejo kaj ĝenerala Seketario S-ro Luis Carlos estas en Parizo, 7, rue Rollin.

Ĉirkaŭ cent kursoj, pri Esperanto, estas klarigataj dum la nuna sezono, en tiu Franca ĉefurbo.

En Barmen'o (**Germanujo**) okazis la 17ª Internacia Kongreso de la «Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj» kaj la esperantistaj kongresanoj kunvenis kelkajn fojojn kaj decidis daŭrigi fervorege la propagandon de esperanto en la mondligo de la K. U. J. V.

Belilustrita bonverkita revuo, kiu rememoras al ni la neforgeseblan «La Bela Mondo» komenciĝis ĝia vivo en Dresden,o sub la direktado de la senlaca esperantisto S-ro Schramm, Bonvenu kaj por multe da jaroj, kara kolego «Universo!»

Same ni deziras al alia, ne malpli interesa, kiu nomiĝas «La Duonmonata» kaj vizitis nin. Estas ĝia simpatia celo esti tutmonda ilustrata revuo, por la vivo de la esperantistaro sur ĉiuj kampoj de la homa spirito. Redaktita de

todo corazón saludamos al nuevo colega, cuyo importantísimo papel en el mundo esperantista nadie puede negar. Por eso mismo deseamos que escriba en adelante un esperanto más puro, porque el del primer número se aparta algo de el de nuestra querida lengua Zamenhofa.

En Troyes se ha fundado una Federación de los grupos del departamento de Aube.

El último Congreso internacional de Federaciones de Artesanos han adoptado el esperanto como lengua para comprenderse

Nuestro estimado colega «Juna Esperantisto» ha empezado en su número de Septiembre á publicar la famosa obra de Fenelón «Aventuras de Telémaco», que en parte tradujo nuestro inolvidable amigo Sr. Valliene.

El Congreso nacional de los Sindicatos de peluqueros ha decidido que en los sindicatos se estudie y practique el esperanto.

La «Liga Internacional de Trabajadores de imprenta esperantistas» funciona ya. Su domicilio y su Secretario general el Sr. Luis Carlos, están en París, 7, rue Rollin. Alrededor de cien cursos de esperanto, se dan, durante la presente estación, en la capital de Francia.

En Barmen (**Alemania**) se ha verificado el 17.° Congreso internacional de las «Uniones Cristianas de Hombres Jóvenes», y los congresanos esperantistas se reunieron algunas veces y decidieron continuar con grandísimo fervor la propaganda del esperanto en la liga mundial de la K. U. J. V.

Una bien ilustrada y bien escrita revista que nos recuerda la inolvidable «La Bela Mondo», ha empezado su vida en Dresden, bajo la dirección del incansable esperantista Sr. Schramm. ¡Bienvenido y para muches años, querido colega «Universo!»

Igualmente deseamos, á otro no menos interesante, que se llama «La Duonmonata» y nos ha visitado. Es su simpático propósito ser una ilustrada revista mundial, para la vidâ de los esperantistas en todos los campos del espíritu

S-ro Carl Steier, Leipzig, Thomasring 6. Jarabono 1.750 Sp.

En la raporto, pri la kvina Kongreso, kiun ni faris en nia numero de la lasta Oktobro, ni nomis erare fraŭlino al Sinjorino Mario Hankel, famkonata verkistino gajnintino de Natura Floro en la neforgeseblaj unuaj esperantaj Floraj Ludoj, vidvino de la klera universitata profesoro S-ro Hermann Hankel.

Sub la prezidanteco de bankiero S-ro H. Arnhold, el sama urbo, fondiĝis «Internacia Asocio de Bankistoj Esperantistoj».

En Hanan oni metis en la poŝtakeston poŝtkarton, kiu por nura adreso havas la portreton de D-ro Zamenhof, kaj ĝi alvenis al nia kara majstro.

Fondiĝis grupoj en Regensburg'o Hirschfelde'o, Lubeck'o, Oliva'o, Podejink'o, kaj Oberwustegiersdorf'o kaj daŭrigas la propagandajn laborojn en ĉiuj la aliaj germanaj grupoj.

En Dresden'o oni organizas societon titolotan «Saksa-Turinga Esperanta-Ligo.

En **Grekujo**, la oficialaj riprezentantoj de Samos'o decidis: ke la princlando de Samos'o estu oficiale riprezentita en la V^a^ Kongreso kaj, ke nia kara kolego «Greklingva Esperantano» oficiala organo de la «Samosa Esperantana Societo» estu de nun presata senpage en la «Samosa Princa Presejo».

En Ateno y Arta'o ankaŭ oni sin okupas pri esperanto.

Granda propagando inter la katolikoj estas en **Holandujo**. Estas publikigita esperanta broŝuro kies titolo estas: «Ĉu la kredo estas en batalo kontraŭ la Scienco?» Kaj en Hertogenbosch'o fondiĝis «Holanda Katolika Esperanta Ligo».

En Gonda'o okazis la 5.^a^ jara Kunveno de la «Holanda Societo Esperantista» kun grandaj festoj kaj gajo; sed el tie venis la malagrabla sciigo pri ĉesigo de nia kara kolego «La Holanda Pioniro».

Pri banlokoj el **Hungarujo** publikigas la Septembra numero de «Hungara Es-

humano. Redactada por el Sr. Carl Steier, Leipzig, Thomasring, 6, abono anual, 1.750 Sp.

En la información del quinto Congreso, que hicimos en nuestro número de Octubre último, llamamos por equivocación señorita á la Sra. María Hankel, famosa escritora que ganó la Flor Natural en los inolvidables primeros Juegos Florales, viuda del ilustrado profesor de la Universidad Sr. Hermann Hankel.

Bajo la presidencia del banquero Sr. H. Arnhold, de la misma ciudad, se ha fundado una «Asociación Internacional de Banqueros Esperantistas».

En Hanan echaron al correo una postal, que por toda dirección tenía el retrato del Dr. Zamenhof, y llegó á nuestro querido maestro.

Se han fundado grupos en Regensburgo, Hirschfelde, Lubeck, Oliva, Podejink y Oberwustegiersdorf, y continúan los trabajos de propaganda en todos los otros grupos alemanes.

En Dresden se organiza una Sociedad que se ha de titular «Sajona Turingia Liga de Esperanto».

En **Grecia** los representantes oficiales de Samos decidieron que el Principado de Samos sea oficialmente representado en el 5.º Congreso, y que nuestro querido colega «Greklingva Esperantano», órgano oficial de la «Sociedad de esperanto de Samos», se imprima desde hoy gratuitamente en la imprenta del Príncipe de Samos.

En Atenas y Arta también se ocupan de esperanto.

Gran propaganda entre los católicos hay en **Holanda**. Se ha publicado en esperanto un folleto, cuyo título es: «¿La fe está en lucha con la ciencia?» Y en Hertogenbosch se ha fundado la «Liga Esperanta Católica Holandesa».

En Gonda tuvo lugar el 5.º Congreso anual de la «Sociedad Esperantista Holandesa» con grandes fiestas y alegría; pero de allí nos vino la desagradable noticia de haber cesado nuestro querido colega «La Holanda Pioniro».

Respecto á baños de **Hungría** publicó el número de Septiembre de «Hungara

perantisto» belan blueilustritan broŝuron.

Tiu ĉi estimata gazeto plendas pri tio, ke ni erare nomis «Hungara Esperantista Societo», al «Hungara Esperantista Asocio», kaj, tial ke ni diris, ke ĵus estis elektita ĝia prezidanto S-ro Szentmariay, kiu jam estis elektita en la pasinta jaro. Ĝi ankaŭ deziras scii, kiu sendis al ni la eraran anoncon.

La kulpo estas tuta nia. Ni petas pardonon al nia estimata kolego, kaj de nun ni ne parolos sen antaŭzorgoj pri hungaraj aferoj, kiu ajn estu ilia graveco, laŭ ni agas, kiam ni rilatas al iu ajn, kiu estas grava.

En Minagi'o, malgranda intermonta vilaĝeto el **Japanujo** fondiĝis grupo, kaĵ S-ro Akagi unu el la plej fervoraj esperantistoj el tiu lando, instruas tie esperanton.

En **Kolombio** pligrandiĝas la esperanta movado. Grupo en Altamira'o kaj Bukaramanga'o estas, kaj multaj esperantistoj en la riĉa Antiokia'a departemento.

Ĉi tiujn kaj aliajn bonajn esperantajojn enpresas nova gazeto kiun oni publikigas en Cucuta'o sub nomo «Kolombia Stelo», kiun ni kore salutas kaj deziras multan frukton el ĝia propagando.

En Bjelovar'o, Petrovaradin'o, Urbanja'o, Gospic'o, Kostajnica'o kaj Klanjec'o (**Kroacia**), fondiĝis grupoj, kaj en ĉiuj oni instruas esperanton al multaj gelernantoj

En Ĥarbin (**Manĉurio**), «Manĝura Esperanta Societo», rusaj Sinjoroj Kazi-Girej, Arefjev, Borisov kaj aliaj, sin proponas kreskigi esperanton en tiu lando.

«Esperanta Gazeto» el **Meksikujo** klopodas por ke Registaro de tiu lando akceptu kaj protektu nian karan lingvon.

Tiu revuo malfermis konkurson por publikigi esperante, morojn el tiu lando, kaj sin okupas por propagandi esperanton en ĝi, per ĉiuj eblaj rimedoj.

Esperantisto» un bello folleto ilustrado en azul.

Este estimado periódico se queja de que nosotros, por equivocación, llamamos «Sociedad Húngara Esperantista» á la «Asociación Húngara Esperantista», y porque dijimos que acababa de ser elegido presidente el Sr. Scentmariay, que ya había sido elegido el año pasado. También desea saber H. E. quién nos envió la errónea noticia.

La culpa es completamente nuestra. Pedimos perdón á nuestro estimado colega, y desde ahora no hablaremos sin precauciones de asuntos húngaros, cualquiera que sea su importancia, conforme hacemos cuando nos referimos á alguno importante.

En Minage, pequeña población entre montes, en **Japón**, se ha fundado un grupo, y el Sr. Akagi, uno de los más fervorosos esperantistas de aquel país, enseña allí el esperanto.

En **Colombia** aumenta el movimiento. Hay grupo en Altamira y Bucaramanga, y muchos esperantistas en el rico departamento de Antioquía.

Estos y otros buenos asuntos de Esperanto inserta un nuevo periódico que se publica en Cucuta, con el nombre de «Colombia Stelo», al cual cariñosamente saludamos y deseamos fruto de su propaganda.

En Bjelovar, Petrovaradin, Urbanja, Gospic, Kostajnica y Klanjec (**Croacia**), se han fundado grupos y en todos se enseña esperanto á muchos discípulos de ambos sexos.

En Harbin (**Manchuria**), la «Sociedad de Esperanto de Manchuria», los señores rusos Kazi-Sirej, Arefjev, Borisov y otros, se proponen hacer que crezca el esperanto en aquel país.

«Esperanta Gaceto», de **Méjico**, trabaja porque el gobierno de aquel país acepte y proteja nuestro querido idioma.

Esa revista ha abierto concurso para publicar en esperanto costumbres de aquel país, y se ocupa de propagar el esperanto en él por todos los medios posibles.

Librejo Perret prezentis en sian montran fenestron ekspozicion de esperantajoj.

S-ro Ludoviko Fonsanta publikigas en la gazeto «El Paladín», el Meksiko, artikolojn por propagandi esperanton kaj sukcesigi la ideon de nia kara kolego «Esperanta Gazeto», kaj meksikaj grupoj, pri la okazo de Meksika Esperantista Kongreso.

Granda Esperanta Ekspozicio okazas en Kristianio (**Norvegujo**), dum tiuj ĉi tagoj.

En tiu lando pliiĝas la inklino al esperanto.

En **Nov-Zelando** oni klopodas por fondi «Centran Asocion» kaj la Invercargill'a kaj la Wellington'a grupoj ĉiam laboras por la progresado de esperanto en tiu lando,

En Gisborne'o fondiĝis nova grupo.

La Registaro eldonis gvidlibron angle kaj esperante redaktita kaj ĝi ordonis al la oficistoj de la turismejo, lerni esperanton.

En Villa Nova de Gaja'o (**Portugalujo**), fondiĝis grupo, kie lernas esperanton pli ol 40 gesamideanoj.

La Reĝino Elisabeto el **Rumanujo**, la notinda verkistino *Carmen Silva*, donis al la «Rumana Esperantista Societo» la ekskluzivan rajton traduki esperante siajn verkojn kaj prenis la Societon sub sian protektadon; ŝi men estas esperantistino.

La unua Kongreso esperantista okazinta en tiu lando, fariĝis en Bukarest'o per grandaj festoj, kun la protekto de la registaro, kaj pliigante la ŝaton al esperanto, kiu jam estis en tiu lando.

La «Ĝenerala Asocio de Kuracistoj» pro naciaj kaŭzoj ne partoprenis en la «Internacia Medicina Kongreso de Budapesto, sed presis memorlibron en la lingvoj angla, franca, germana, itala, rumana kaj esperanta.

Dum la okazinta Kongreso en Foksani'o de la «Asocio Rumana por la Antaŭenirado kaj divastigado de la Sciencoj», la esperantistoj faris multe da propagando per disdono de anoncoj,

La librería Perret ha presentado en su vidriera una exposición de cosas de esperanto.

El Sr. Luis Fonsanta publica en el periódico «El Paladín, de Méjico, artículos para propagar el esperanto y lograr que se realice la idea de nuestro querido colega «Esperanta Gazeto» y grupos mejicanos, para que se verifique un Congreso esperantista mejicano.

Una gran Exposición de Esperanto se verifica en Kristiania (**Noruega**), durante estos días.

En aquel país aumenta la afición al esperanto.

En **Nueva Zelanda** se dan pasos para fundar una «Asociación Central» y los grupos de Invercargill y Wellington siempre trabajan por el progreso del esperanto en aquel país.

En Gisborne se ha fundado un nuevo grupo.

El Gobierno ha editado un libro-guía en inglés y en esperanto y ha ordenado á los empleados en las oficinas del turismo, que aprendan el esperanto.

En Villa Nova de Gaya (**Portugal**), se ha fundado un grupo, donde estudian el esperanto más de 40 samideanos de ambos sexos.

La Reina Isabel de **Rumania**, la notable escritora *Carmen Silva*, ha dado á la «Sociedad Rumana Esperantista» el exclusivo derecho de traducir sus obras al esperanto y tomó á la Sociedad bajo su protección; también ella es esperantista.

El primer Congreso esperantista habido en aquel país, fué en Bucarest, con grandes fiestas, protección del Gobierno y aumentando la afición, que ya había al esperanto, en aquel país.

La «Asociación general de Médicos», por causas nacionales no ha tomado parte en el «Congreso internacional de médicos de Budapest, pero ha impreso un memorándum en inglés, francés, alemán, italiano, rumano y esperanto.

Durante el Congreso habido en Foksani, de la «Asociación Rumana para el adelanto y difusión de las ciencias», los esperantistas hicieron mucha propaganda por reparto de anuncios, claves, periódi-

ŝtosiloj, gazetoj, markoj kaj aliaj propagandilaĵoj, kaj per paroladoj, kursetoj k. t. p.

Doktoroj Istrati kaj Kimel direktis l'aferon.

Dum la proksima Decembra monato okazos en Sankta Petersburgo (**Rusujo**) Kongreso kaj Ekspozicio esperantistaj. Estos speciala rabata fervoja tarifo por partoprenontoj.

Kun centtridek ĉeestantoj okazis la Kvara Skota Kongreso Esperantista en Perth'o (**Skotlando**).

Fondiĝis grupo en St Andrews.

Pri **Suda Afriko**, en Natal'o, en Pretoria'o, en Tasmanio, en Launceston'o, en Mathina'o oni lernas kaj disvastigas Esperanton.

Eĉ sur vaporŝipo la «Medic» dum marveturo de Tasmanio al Eŭropo, S-roj Ransome kaj Cedric instruis sukcese nian karan lingvon ĉe la vojaĝantoj.

Dimanĉon la 19an de Septembro, D-ro Zamenhof, reveninte el la Valencia Postkongreso haltis dum unu horo en la Genev'a Stacidomo (**Svisujo**). Tie li kaj lia estiminda edzino estis korege salutataj de liaj amantaj disciploj

En cirkulera broŝuro titolita «Programme du VI Congrés International de Psychologie—Genéve», oni legas en franca lingvo:—«La oficialaj lingvoj de la Kongreso, krom la franca, estos la germana, la angla, la itala kaj la esperanta».

Novaj grupoj en Glarus'o, Wili'o kaj Zurin'o.

La «Geneva Esperantista Laborado» malfermis senpagan kurson.

La gazetaro el tiu lando sin montras favora al nia afero.

Ĝenerala jarkunveno de «Svisa Esperanta Societo» okazis en Laŭsanne'o.

En **Usono** ĵus fondiĝis «The American Hebrew Esperanto» (Societo esperantista por hebreoj).

«Verda Stelo Internacia» estas gazeto,

cos, sellos y otros objetos propagadores y por discursos, cursitos, etc.

Los Dres. Istrati y Kimel dirigieron el asunto.

Durante el próximo mes de Diciembre tendrá lugar en San Petersburgo (**Rusia**) un Congreso y una Exposición esperantistas. Habrá especial tarifa barata de ferrocarriles para los que concurran.

Con ciento treinta asistentes se verificó el cuarto Congreso Escocés Esperantista en Perth (**Escocia**).

Se ha fundado un grupo en St. Andrews.

Con respecto al **Sur de Africa**, en Natal, en Pretoria, en Tasmania, en Launceston, en Mathina, se estudia y propaga el Esperanto.

Hasta en el vapor el «Medic», durante su viaje de Tasmania á Europa, los Sres. Rausome y Cedric enseñaron con éxito nuestro querido idioma entre los viajeros.

El domingo 19 de Septiembre, el Dr. Zamenhof, al regresar del Postcongreso de Valencia, se detuvo durante una hora en la estación de Ginebra (**Suiza**). Allí, él y su estimable esposa fueron con grandísimo afecto saludados por los amantes discípulos de él.

En un folleto-circular, titulado «Programa del 6.° Congreso de Psicología, Ginebra», se lee en francés: «Las lenguas oficiales del Congreso, además de la francesa, serán la alemana, la inglesa, la italiana y el esperanto».

Nuevos grupos en Glarus, Wili y Zurich.

La «Sociedad Esperantista del trabajo, de Génova», ha comenzado un curso gratuito.

La prensa de aquel país se muestra favorable á nuestra empresa

La reunión anual de la «Sociedad Esperantista Suiza» tuvo lugar en Lausanne.

En los **Estados Unidos de América** acaba de fundarse «The American Hebrew Esperanto». (Sociedad Esperantista para hebreos).

«Verda Stelo Internacia» es un pe-

kiun ni ne konis, kaj kies oka numero vizitis niu; ni al ĝi deziras longan kaj bonan vivon.

En Wheeling okazis de la tria ĝis la kvina tago de Aŭgusto esperantista ekskurso. Multe amuziĝis la ĉeestantoj, kaj per ĉi tiu fakto ili konigis nian karan lingvon en ŝtato West Virginia.

La ĉeesto de gesinjoroj Zamenhof kaj ceteraj Kongresanoj de la Kvina en Barcelono, Valencio kaj aliaj urboj el **Hispanujo**, pliigis la simpation kiun jam havis esperanto, kaj estas multaj la personoj, kiuj decidis ĝin lerni.

En Valencio okazis la jenaj elmontroj de entuziasmo:

La 15an de Septembro la Valencia Urba Muzikbando unuafoje ludis, en la Granda Areno el la Ekspozicio, marŝon titolitan ESPERANTO, originala de nia estimata samideano Sinjoro Johano Sánchez Roglá. Ĝi estis tiam tre aplaudata same kiel ĉiufoje, kiam ĝi estis poste ludata. Nian gratulon al S-ro Sánchez! Pri prezo kaj vendejo, oni vidu la anoncon.

La firmo «Photo-Sport», strato Peris y Valero, 11, anoncas siajn fotografajn aparatojn per poŝtkartoj enhavantaj portreton el nia majstro D-ro Zamenhof.

Oni komencis disdoni tra la Valencia stratato kvazaŭgazeton titolitan *Esperanto*, enhavantan sciigojn pri nia lingvo kaj anoncojn.

En Aerostata Konkursfesto okazinta la 10an de Oktobro en la Granda Areno el la Valencia Ekspozicio, oni ellasis aerostaton titolitan ESPERANTO. Ĝi estis ornamita per pentritaj diverslandaj flagetoj meze el kiuj elvidiĝis nia verda standardo.

Jen la tialo de niaj kongresaj festoj. Ju pli ofte ili ĉie okazos, despli frue sekvos la fina venko de Esperanto.

En Kartageno la gazetoj «El Porvenir», «La Tierra» kaj «La Mañana» sin

riódico que nosotros no conocíamos, y cuyo número octavo nos visitó; le deseamos larga y buena vida.

En Weeling se verificó del 3 al 5 de Agosto una excursión esperantista. Mucho se divirtieron los concurrentes, y por este hecho dieron á conocer nuestra querida lengua en el estado de West Virginia.

La permanencia de los Sres. Zamenhof y demás congresistas del quinto en Barcelona, Valencia y otras poblaciones de **España**, ha aumentado las simpatías que ya tenía el esperanto, y son muchas las personas que se han decidido á estudiarlo.

En Valencia ha habido las siguientes demostraciones de entusiasmo:

El 15 de Septiembre, la Banda Municipal de Valencia estrenó en la Gran Pista de la Exposición un pasodoble titulado «Esperanto», original de nuestro estimado samideano Sr. Juan Sánchez Roglá. Fué muy aplaudido entonces, así como cuantas veces después se ha ejecutado. ¡Nuestra enhorabuena al señor Sánchez! Respecto á precio y lugar de venta, véase el anuncio.

La casa «Photo-Sport», calle de Peris y Valero, 11, anuncia sus aparatos fotográficos con postales conteniendo el retrato de nuestro maestro el Dr. Zamenhof.

Se ha empezado á repartir por las calles de Valencia una especie de periódico titulado *Esperanto*, conteniendo noticias acerca de nuestra lengua y anuncios.

En una Fiesta-concurso de Aerostatos celebrada el 10 de Octubre en la Gran Pista de la Exposición, se soltó un aerostato titulado «Esperanto». Este estaba adornado con banderitas pintadas de diversos países, en medio de las cuales se veía nuestro verde estandarte.

He aquí el por qué de nuestras fiestas congresistas. Cuanto más frecuentemente se celebren éstas en todas partes, más pronto llegará la victoria final del Esperanto.

En Cartagena, los periódicos «El Porvenir», «La Tierra» y «La Mañana», se

okupas favore pri esperanto per tre bonaj propagandaj artikoloj de S-roj *Verda Stelo*, Isidro Marín, Rafaelo Robles, Jerónimo Castro, *esperantista, 18.645;* Anĝelo Calderón, G. Martínez kaj *iu esperantisto.*

Traveturo tra la urbo de S-roj Algeriaj esperantistoj geedzoj Roux, vidigis tie la gravecon kaj taŭgecon de esperanto.

Fondiĝis grupo, prezidanto S-ro Josefo Navarro, kaj alia en ĝia proksima vilaĝeto Los Dolores, prezidanto S-ro Camilo Molina.

En Los Dolores tiu ĉi S-ro kaj en Kartageno S-ro Andreo Rosique, sukcesege instruas esperanton al multaj profitemaj gelernantoj.

«El Cullerot», el Alikante'o daŭrigas la publikigadon de vortaro, frazoj kaj gramatiko esperanto.

«Museo Exposición», de Alicante'o, enpresas bonan artikolon de S-ro Angel Velasco, laŭdante esperanton, okaze la komenco de kursoj de la tiea propagandema grupo prezidita de la malnova esperantisto, nia kara amiko, la kavaleria subkolonelo S-ro Elizaicin.

La «Sociedad Obrera Tradicionalista» (Societo Laboranta Tradicia), «La Margarita», Salmerón, 27, Gracia (Barcelono), fondis «Esperantan Katolikan Grupon».

Lia Moŝto generalo Polavieja, Prezidanto de Ruĝa Kruco en Hispanujo, favore akceptis proponon de S-ro Perogordo fondi fakon «Esperanto-Ruĝa Kruco», kaj tiom sin interesas je nia kara lingvo, ke li ĝin lernas.

En «Madrida Ateneo» oni faras esperantan kurson.

En Gerona'o fariĝis grupo kun pli ol ok-dek gesocietanoj. Ĝia nomo estas «Amo kaj Espero» kaj li floras sub verda belbrodita standardo, kies emblemo estas: «Mi estas la emblemo Sankta, de la frateco esperanta».

Vi jam konas ĝiajn belegetajn standardistinojn; vi vidis iliajn portretojn ĉe nia Oktobra numero.

ocupan favorablemente del esperanto en muy buenos artículos de propaganda de los Sres. *Verda Stelo*, Isidro Marín, Rafael Robles, Jerónimo Castro, *esperantista 18.645;* Angel Calderón, G. Martínez y *un esperantista.*

El paso por la ciudad de los señores esperantistas argelinos, esposos Roux, han hecho ver allí la importancia y utilidad del esperanto.

Se ha fundado un grupo, presidente D. José Navarro, y otro en su próximo pueblecito Los Dolores, presidente don Camilo Molina.

En Los Dolores, este señor, y en Cartagena D. Andrés Rosique, con grandísimo éxito enseñan el esperanto á muchos aventajados discípulos y discípulas.

«El Cullerot», de Alicante, continúa la publicación de diccionario, frases y gramática esperanto.

«Museo Exposición», de Alicante, inserta un buen artículo de D. Angel Velasco, alabando el esperanto con ocasión del comienzo de cursos del propagandista grupo de allí, que preside el antiguo esperantista nuestro querido amigo el teniente coronel de caballería Sr. Elizaicin.

La «Sociedad Obrera Tradicionalista», «La Margarita», Salmerón, 27, Gracia (Barcelona), ha fundado un «Grupo Esperanto Católico».

El Excmo. Sr. general Polavieja, presidente de la Cruz Roja en España, ha aceptado favorablemente la proposición del Sr. Perogordo de fundar una sección «Esperanto-Cruz Roja», y tanto se interesa por nuestra querida lengua, que la estudia.

En el «Ateneo de Madrid» se da un curso de esperanto.

En Gerona se ha formado un grupo con más de ochenta socios. Su nombre es «Amor y Esperanza», y florece bajo una bandera verde bellamente bordada, cuyo emblema es: «Soy el santo emblema de la esperanta fraternidad».

Ya conocen ustedes sus monísimas abanderadas; vieron ustedes sus retratos en nuestro número de Octubre.

S-ro Komandanto Huecas, nia kara kaj agema kunbatalanto, prezidas la direktantajn gekomitatanojn S-ino Llop, F-inoj Moner, Palomar, Monserrat, Cumané kaj Barbé, kaj S-roj Boris, Doménech, Ferrer, Bosch, Tajá, Martorell, Lara, Llopart kaj Casademunt.

Tie estas ĉiutagaj kursoj, ĉiujaŭdaj kunvenoj por nur parali esperante, kaj ĉiusabataj esperantaj kantoj kaj Rondan dancon.

Antaŭen karaj gefeliĉuloj estaĵoj! ¡Vi estas imitindaj!

En La Arboleda (Bilbao), la fidelega esperantisto S-ro Hita, nia malnova kaj estimata kunbatalanto, sukcesis starigi grupon. Kun ĉeesto de S-ro Urbestro kaj pli malpli kvindek samideanoj, post deca parolado de la fondinto, kiu estis nomata prezidanto, ankaŭ oni nomis: vic al S-ro Bagargoztia, kasisto al S ro Tomé, Bibliotekisto al S-ro Arechavala, voĉdonantoj al S-roj Rodríguez, Fernández kaj Carro, kaj honoraj prezidantoj al S-roj Zamenhof kaj Zabala.

Kursojn faras S-roj Hita, Bagazgoitia, Rodríguez kaj Durano, kaj inter tiuj kursoj estas notinda, tiu, kiu postagmeze oni klarigas por la minlaboristoj, kiuj laboras de la sesa vespere ĝis la sesa matene.

La sabaton 6an el Novembro okazis en la Teatro de la «Centro Aragones» konveno de la grupo «La Kvinpinta Stelo». Gesamideanoj, speciale belulinoj de ĉiuj la Barcelon'aj esperantistaj grupoj, plenigis la salonon.

S-ro Benito Vallespinoso parolis al la aŭdautoro pri la deveno, historio kaj evolucio de l'esperanto.

Fraŭlinoj Anita Molgosa, Franciska Almera, Josefina Reig, Mercedes de la Fuente kaj la junulo Mikaelo Almera, diris bonege esperantajn poeziojn.

S-ro Rafaelo Rubio petis ke oni aranĝu specialajn festojn la proksiman naskiĝtagon de nia kara majstro, kaj ke dum ili, ĉiu esperantisto kunportu la verdan stelon.

S-ro Manuel de la Fuente faris bone-

El señor comandante Huecas, nuestro querido y activo compañero de lucha, preside á los vocales del Comité directivo Sra. Llop, Srtas. Moner, Palomar, Monserrat y Sres. Boris, Doménech, Ferrer, Bosch, Tajá, Martorell, Lara, Llopart y Casademunt.

Allí hay cursos diarios, reuniones los jueves para hablar únicamente en esperanto, y cantos en esperanto y baile de la Ronda los sábados.

¡Adelante, queridos felices seres! ¡Sois dignos de imitar!

En la Arboleda (Bilbao), el fidelísimo esperantista Sr. Hita, nuestro antiguo y estimado compañero de batalla, ha logrado establecer un grupo. Con la asistencia del señor Alcalde, y poco más ó menos cincuenta colegas, después de adecuado discurso del fundador, que fué nombrado presidente, también fueron nombrados: Vice, el Sr. Bagargoztia; Cajero, al Sr. Tomé; Bibliotecario, al señor Arechavala; Vocales: á los Sres. Rodríguez, Fernández y Carro, y presidentes honorarios á los Sres. Zamenhof y Zabala.

Los Sres. Hita, Bagazgoitia, Rodríguez y Durano dan cursos, y entre esos cursos es notable el que después del mediodía se explica para los mineros que trabajan de las seis de la tarde á las seis de la mañana.

El sábado 6 de Noviembre hubo en el Teatro del «Centro Aragonés» reunión del grupo «La Estrella de Cinco puntas». Samideanos de ambos sexos, especialmente bellas mujeres de todos los grupos esperantistas de Barcelona, llenaban el salón.

El Sr. Benito Vallespinoso habló al auditorio del origen, historia y evolución del Esperanto.

Las Srtas. Anita Molgosa, Francisca Almera, Josefina Reig, Mercedes de la Fuente y el joven Miguel Almera, recitaron magníficamente poesías esperantas.

El Sr. Rafael Rubio pidió que se arreglen fiestas especiales el próximo día del nacimiento de nuestro querido maestro, y que durante ellas, todos los esperantistas lleven la Verde Estrella.

El Sr. Manuel de la Fuente hizo un

gan esperantan paroladon per kiu li montris, ke li sentas la internan ideon de nia kara lingvo.

La famkonata baritono S-ro Ernesto Reig, akompanata de la komponisto sinjoro Juan Suñé, ili aŭdigis, inter varmaj aplaŭdoj, kelkajn muzikajn esperantaĵojn, kaj poste la tuta ĉeestantaro, piede, kantis nian himnon.

Fine, oni disdonis la premiojn de la konkurso de fotografaĵoj organizita dum la lasta esperantista mara ekskurso al Tarragona'o, kaj la Societo «La Esbart de Dancaires» dancis kelkajn katalunajn dancojn kaj la esperantistan dancon «La Rondo».

S-ro Federiko Ochoa el Navia'o (Asturias) kaj aliaj liaj amikoj fervore laboras por tie propagandi esperanton.

Nia kara amiko S-ro Domingo Talens, ĝis nun apostolo de esperanto en Karkagente'o, transloĝiĝis en Alcoy'on, St Aracil, n.° 5, kaj nedube li daŭrigos siajn fruktodonajn laborojn en sia nova loĝejo.

En Sos (Zaragoza'o) pastro skolapio S-ro Casio Pobal, sukcese propagandas esperanton.

buenísimo discurso en esperanto, por el cual mostró que siente la idea interna de nuestra lengua querida.

El famoso barítono Sr. Ernesto Reig, acompañado del compositor Sr. Juan Suñé, hicieron oir entre calurosos aplausos algunas composiciones musicales de esperanto, y después, toda la concurrencia de pie, cantó nuestro himno.

Finalmente, se distribuyeron los premios del concurso de fotografías organizada durante la última excursión marítima esperantista á Tarragona, y la Sociedad «La Esbart de Dancaires» bailaron algunos bailes catalanes y el baile esperantista «La Rondo».

D. Federico Ochoa, de Navia (Asturias) y otros amigos suyos, trabajan con fervor para propagar allí el esperanto.

Nuestro querido amigo D. Domingo Talens, hasta ahora apóstol del esperanto en Carcagente, ha trasladado su domicilio á Alcoy, calle de Aracil, n.° 5, y sin duda continuará sus fructuosos trabajos en su nueva residencia.

En Sos (Zaragoza), el padre escolapio Sr. Casio Pobal, propaga con éxito el esperanto.

# Demand-kaj-Respondejo

Okazas multfoje en la vivado ke iu aŭdas paroli aŭ legas pri io, kion li ne bone konas ĝian devenon aŭ verecon, kaj iu alia povas lin sciigi pri ĝi; ekzemple, parolante pri popolaj moroj kaj karaktero, oni trograndigas tiom, ke ofte la ĝenerala opinio estas tute erara kaj fantazia, favore aŭ malfavore rilate al la juĝata popolo. Tion, grandparte el la legantaro sendube havis okazon konstati dum sia esperanta vivado.

Multaj el tiuj demandoj, krom la privatan, havas ankaŭ ĝeneralan intereson kaj pensinte pri tio, ni malfermas fakon por tiu interesa servo, kiu povas instrui la legantaron, popularigi kelkajn interesaĵojn kaj detrui grandan nombron de fantazioj, nun traflugantaj de loko al loko...

Ni do, de nun metas sub la disponon de nia legantaro ĉi tiun tutmondan servofakon.



En tiu ĉi fako ni publikigos la demandojn, kiujn oni sendos al ni, kondiĉe ke ili estu ĝenerale interesplenaj. Ni petegas la legantojn ke, kiu scias la respondon pri ia demando publikigita, tiu bonvolu tuj ĝin sendi al ni.

La celo de tiu ĉi fako estas starigi servon inter la legantaro por ke kiam iu deziras sciiĝi pri io el la Historio, Geografio, Filologio, Sciencoj, Arto, popolaj moroj, kostumoj, vivmaniero, k. t. p., k. t. p., tiu adresu al ni la demandon, kiun ni publikigos sub orda numero. La respondon ni publikigos ĝiatempe, se ni ĝin ricevos.

La demandoj nepre devas esti subskribitaj de la aŭtoroj (nomo kaj plena adreso) plej legeble skribitaj kaj mallonge redaktitaj.

Ni ne presigos la skribaĵojn, kiuj pro ia ajn motivo ni juĝos nepublikigindaj.

DEMANDOJ RICEVITAJ

1.— En ia gazeto mi legis:.. «En la lernejoj el Bulgarujo oni tute malpermesas al la lernantinoj surporti korseton, sub puno esti ili forpelataj el la instruejo.»—*Ĉu tio estas vera?* Kial?—Novejarque (Anĝelo) Valencio (Hispanujo).

2.—Kio estas la tialo de la ruĝflaveco de la oranĝoj?—X—Paterna'o, Valencia'o (Hispanujo).

3.—Se dum la kuirado de la garbanzoj oni enmetas, kune kun ili, vitran bulon, ili certe moliĝas. Kial?—Y.—Madrid'o (Hispanujo).

4.—Malfeliĉa kuiristino metas multe da salo en la kuiraĵon. Ŝi tuj surmetas, sur la potkuiraĵon telereton entenante salon kaj la troan salecon malaperas. Kial?—Z.—Medina-Sidonia. Cadiz. (Hispanujo).

# Gazetara Statistiko

## Dua kaj tria kvaronjaroj de 1909ª. (Aprilo-Majo-Junio-Julio-Aŭgusto-Septembro)

Dum tiuj ĉi kvaronjaroj ni ricevis la jenajn esperantajn gazetojn:

«Voĉo de Kuracistoj», «La Revuo», Franca Esperantisto», «Norvega Esperanta Gazeto», «La Esperanta Instruisto», «Informaj Raportoj», «Internacia Socia Revuo», «París-Esperanto», «La Holanda Pioniro», «Sarta Stelo», «Amerika Esperantisto», «Tra la Filatelio», «Le Monde Esperantiste», «La Pioniro», «Greklinva Esperantano», «Tutmonda Espero», «Lingvo Internacia», «Esperanta Gazeto», «Svisa Espero», «Pola Esperantisto», «Notizie Esperantiste», «Dana Esperantisto», «Eno Esperantista», «La Spritulo», «Germana Esperanto-Gazeto», «Normanda Stelo», «Rumana Gazeto Esperantista», «Espero Katolika», «Export Esperantist», «Juna Esperantisto», «The Esperanto Student», «Belga Esperantisto», «The British Esperantist», «Esperanto», «Oficiala Gazeto Esperantista», «La Bela Mondo», «Norda Gazeto», «La Ondo de Esperanto», «Ruslanda Esperantisto», «La Verda Standardo», «La Du Steloj», «Brazila Esperantisto», «Verda Stelo», «Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu», «Internacia Scienca Revuo», «Samideano Ĉiumonata», «Kroata Esperantisto», «Germana Esperantisto», «Japana Esperantisto», «La Simbolo», «Filipina Esperantisto», «Ĥina Esperanta Revuo», «Internacia Pedagogia Revuo» «L' Informilo», «Eŭropa Kristana Celado», «Antaŭen Esperantistoj!», «Rumana Esperantisto», «Portugala Revuo», «Hungara Esperantisto», «Nova Sento», «Universo», «V. S. I. (Verda Stelo Internacia)», «Kolombia Stelo» kaj «Juneco».

La esperantemajn gazetojn:

«Le Phare Stenographique» kaj «Welt Warte».

Jen la novaj gazetoj aperantaj dum la dua kaj tria kvaronjaroj de 1909[a].

«*Kroata Esperantisto*».—Trg Franje Josipa br. 19. Croacia.

«*La Simbolo*».—Post Office Bosch 1020, Tacoma-Washington-Usono.

«*Ĥina Esperanta Scienca Literatura Revuo*». -42, Rue de Montronge, Gentilly (Seine) París Francujo.

«*Jen*».—Portaferricha, 17, Barcelona, Hispanujo.

«*Nova Sento*».—Jardines, 7, Bilbao, Hispanujo.

«*Universo*».—Hecker Verlag-Wolfenbütt, Dresden, Germanujo.

«*V. S. I.*» (Verda Stelo Internacia).—Ĉe Muller-Missouri-Usono.

«*Kolombia Stelo*».—Cucuta, Kolombio.

«*Juneco*».—Boulevard Raspail, Paris, VI, Francujo.

# Memorindaj datrevenoj de Decembro

1.—1825. Mortas Aleksandro I, imperiestro de Rusujo.
2.—1840. Unua prezentado de la Opero «La Favorita», de Donizetti en Parizo.
3 —1882. Estas elektata Sadi Carnot, prezidanto de la Franca Respubliko.
4.—1642. Mortas en Parizo la kardinalo Richelieu.
5.— 1870. Mortas la famkonata novelisto kaj dramaŭtoro Aleksandro Dumas (patro).
6.—1883. Trairas la unua telegramo la kablon de la Kanariaj Insuloj.
7.—1894. Mortas la franca inĝeniero Ferdinando de Lesseps.
8.—1832. Naskiĝas en Krikné, Bjornsterne Bjornson, Skandinava novelisto kaj dramaŭtoro.
9.—1641. Mortas la glora pentristo Antono Van Dick.
10.—1896. Mortas en Stockolmo A. Nobel, elpensisto de la dinamito kaj fondinto de la Nobel'an Premion.
11.—1810. Naskiĝas en Parizo Alfredo de Musset, poeto de la juneco.
12.— 1849. Mortas la inĝeniero Brunel, konstruinto de la tunelo sub la rivero Tamesis.
13.—1883. Maltrankvileco en Madrido post la vizito de la germana imperia princo.
14.—1799. Mortas la fama prezidinto de Usono, Washington.
15.—1859. Naskiĝas en Bjlostoko, Grostno, Rusujo, la mondfama aŭtoro de la lingvo internacia ESPERANTO D-ro Ludoviko Zamenhof.
16.—1897. Mortas en Parizo la famkonata novelisto Alfonso Daudet.
17.—1870. Mortas en Napolo la komponisto Javiero Mercadante.
18.—1813. Mortas la agronomiisto Parmentier, importanto de la terpomoj en Francujon.
19.—1796. Naskiĝas en Quel (Logroño-Hispanujo), la glora poeto Manuelo Bretón de los Herreros.
20.—1636. Naskiĝas la glora franca poeto Johano Racine.
21.—1808. La franca militistaro duafoje sieĝas Zaragozon (Hispanujo).
22.—1896. Mortas en Sevilja (Hispanujo) la glora skulptisto Antono Susillo.
23.—1905. Anarĥiisto atencas kontraŭ la kardinalo Casañas, episkopo de Barcelono.
24.—1871. Unua prezentado de la Opero «Aida», de Verdi, en Kairo.
25.—1884. Tertremoj en Andaluzio (Hispanujo).
26.—1896. Funebra ceremonio por Pasteur en Parizo.
27.—1870. La hispana generalo Johano Prim estas mortvundata en la Strato Turko de Madrido.
28.—1622. Mortas Sankta Francisko de Sales.

29.—1874. La generalo Martinez Campos proklamas Reĝo de Hispanujo Alfonson XII-an.
30.—1879. Mortas la glora literaturisto Adelardo López de Ayala.
31.—1617. Naskiĝas la famkonata hispana pentristo Bartolomeo Stefano Murillo.

Kolektis kaj tradukis
ESPERANTISTO 17.206

# Spritludoj kaj Diversajoj

POR LA ESTONTECO! REMEMORIGA SKRIBO




Anstataŭu la *steletojn* per literoj el la samaj, kiuj formas la nomon

**BARCELONO**

kaj la punktojn per *konsonantoj diversaj*, tiamaniere, ke ĉiuj literoj esprimu REMEMORIGAN SKRIBON *pri Esperanta okazintaĵo, por niaj posteuloj.*

La kvar steloj de la anguloj oni devas anstataŭi per kvar ciferoj.

Tiun skribon oni povas ordigi laŭ naŭ horizontalaj fragmentoj, tiamaniere que legante unu literon el ĉiu linio ĝi esprimas *akrostike* la nomon **BARCELONO** Kiamaniere?

NOVEJARQUE (Anĝelo).

(En Barcelono, dum la Kvina Esperantista Kongreso Septembro 1909-a).

---

(Pro la troa neprokrastebla originalo ni ne povis publikigi en la du antaŭajn numerojn la ĉi-supran *Spritludon;* kiu devis aperi en Oktobro.—*N. de la R.*)

---

Solvintoj de la Spritludo (Akrostiko el Bela Penso pri Esperanto) publikigita en la Septembra numero:

F-inoj Josefino Estopiñá kaj Mario Balanzá, de Valencio; S-ro J. Bacquet de Lille (Francujo).

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.